Año XII N.° 2 (120) MARZO-ABRIL 1960

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA



**Pontevedra Muzeo kaj Palacoj de Castro de Monteagudo kaj García Florez**

*Eble pro la granda beleco de la galega regiono, preskaŭ ĉiu bildo pri ĝi rilatas al naturaj belaĵoj; tiel restas malmulte konataj aliaj aspektoj ne malpli ĉarmaj. La fabela dumnokta aspekto de tiu placo, el nia nunjara Kongres-urbo, estas specimeno el tiu preskaŭ ne konataj aspektoj el Galegio.*

**Foto: Pintos, Pontevedra.** Publikita per afabla permeso de la Arĥivo de la Pontevedra Muzeo.

**BOLETIN**
**DE LA**
**FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Adreso de la Redakcio kaj Federacio:
Str. Marqués de Caro, 6
VALENCIA (Hispanujo)

Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Guillem - Str. Marqués de Caro, 6
Valencia (Hispanujo)

Ĉiuj membroj de HEF ricevas unu ekzempleron.
Membreco: 25, 60, 100, 150 pesetojn, jaro.
Eksterlandaj abonoj:
Minimume, 60 pesetojn, por tutjara abono.

Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortojn aŭ frakcio.
Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.

## NOVA ETAPO

Kiel anoncite, sinjoro Hernández forlasis ekde pasinta numero la Redakcion de Boletin.

La estraro de HEF, jam sciis, de antaŭ longe, pri la deziro de sinjoro Hernández rezigni sian postenon, sed ne trovinte taŭgan personon, kun kapablo kaj sufiĉa tempo por anstataŭigi lin, fine ĝi decidis komisii al ni la redaktadon.

Ni konscias pri la graveco de la tasko al ni komisiita, plie se ni konsideras la kompetentecon de la antaŭa redaktoro en la lingva kampo, kaj ni timas pri la estonteco de Boletin. Vere, ni konsentis, unue, ĉar HEF ne trovis alian plej bonan rimedon, kaj due, ĉar ni esperas ke ne mankos al ni la helpo de la tuta HEF-anaro.

Ĉiuj povas helpi nin, per sugestoj, skribaĵoj, fotoj, k. t. p. kaj ni estas certaj ke se tiun helpon ni ricevos ni povos eĉ pensi pri plibonigo de nia organo.

Do, ni atendas viajn kritikojn aŭ laŭdojn, realigeblajn ideojn kaj skribaĵojn. Tiuj skribaĵoj estu, prefere, mallongaj, pri kiuj ajn temoj, kaj por eviti reskribadon, ni petas ke ili estu tajpitaj, kun interlinia spaco, kaj en korektaj Esperanto aŭ hispana lingvo.

Eble, ni, iam, prokrastos la publikigon kaj kompreneble, ne ĉio, kion ni ricevos estos publikigata, pro spacomanko aŭ alia kaŭzo, sed ni esperas ke tio ne malvarmigos la entuziasmon de niaj kunlaborontoj, kiujn ni atendas kaj bezonas.

**La Redakcia Komitato**

## SECRETARÍA AL HABLA

Inauguramos hoy esta sección de Boletín, con el deseo de establecer una estrecha relación entre la Federación y los socios. En ella, daremos a conocer las inquietudes y proyectos de la Directiva, sus decisiones y problemas y otros asuntos que tengan un interés general.

Nuestro propósito es que los socios se interesen más por los problemas de la Federación y nos ayuden a resolverlos, cuando les sea posible, y, por otro lado, que participen de nuestra alegría cuando sean obtenidos resultados satisfactorios.

Para empezar, diremos que la nueva Directiva, que por diversas causas no pudo tomar posesión hasta el pasado enero, ha acogido con gran entusiasmo, entre otros, dos grandes objetivos,

El primero, paso previo para abordar otros más ambiciosos —local, mejora de Boletín, etc.— es aumentar el número de socios. Esto es tarea de todos; muchos, a los que damos las gracias desde aquí, lo han comprendido así, aportando un nuevo socio con el «aliĝilo» que enviamos junto al Boletín anterior; para los que todavía no lo han hecho destacamos el gesto de nuestros samideanos D. Mario Pascual, de Palma de Mallorca, que tiene subscritos a cinco corresponsales y el socio número 32 (silenciamos el nombre por deseo del interesado), que acaba de hacerlo con ¡TRECE!

El otro objetivo es la renovación y ampliación del Reglamento. Esto es labor de dos o tres personas, que ya se ocupan de ello, pero no está cerrado el camino a las sugerencias de cualquier socio, pues los fines perseguidos con el cambio —normas para facilitar la creación de grupos, creación de secciones y servicios, nombramiento de delegados y regulación de las relaciones entre Federación y Grupo— no excluyen otros que pudieran ser propuestos, ni son de aceptación obligatoria.

Por hoy terminamos nuestro espacio, deseando que esta sección, en la que pondremos nuestros mejores deseos, sea lugar de cita, al que acudamos, a cada número, ustedes y nosotros.

**A. PEREZ**, Secretario

# LA PERSONALIDAD ESPERANTISTA

En cierta ocasión leí un prospecto, para uso de turistas en viaje por el extranjero, en el que se recomendaba a todos la mayor compostura y decoro, tanto de palabra como de hecho, ya que todo viajero es, en cierto modo, como un embajador de su país en el extranjero.

Si no un embajador —pensé—, por lo menos, sí, un botón de muestra, y si la gente tiene que juzgar por lo que vé, de los forasteros, buena cosa será guardar la mayor dignidad, fuera de casa, para que no se juzgue globalmente a todo un país por las excentricidades o extralimitaciones de alguno de sus representantes.

Los esperantistas somos como representantes, en el país en que vivimos, de una comunidad, a la que se ha de juzgar por nuestro comportamiento en todas las actividades de la vida. Si fuésemos muy numerosos, no importaría tanto, porque todos podrían juzgar por el comportamiento de una masa; pero, al ser pocos, los elementos de juicio han de escasear, y por eso hemos de cuidar extraordinariamente de que nuestro exterior, nuestro comportamiento ciudadano, nuestra dignidad en el porte y en el trato, y, sobre todo, nuestro nivel moral, sean dignos de la idea que propugnamos.

Hemos de tener siempre presente que interesa más nuestro valor moral que nuestra importancia numérica, y que hemos de tener más fuerza, en la hora de la verdad, por nuestra calidad, que por nuestro número.

El deseo de ver aumentado el número de nuestros adeptos, no debe cegarnos hasta el punto de procurar atraer a nuestra idea al primero que se presente. «Pocos y buenos» ha de ser nuestro lema. Ya llegará el día en que el Esperanto se considerará como un simple conocimiento útil; como la Geometría o la Ortografía. Pero, hasta entonces, mientras el esperantista sea uno entre cien, o entre mil, cuidemos de nuestra personalidad, seamos dignos de la idea que defendemos, a la que hemos de considerar, en todo momento, como un depósito, digno de las mayores consideraciones. No caigamos en el orgullo ni en la creencia de nuestra superioridad. Pero llevemos dignamente nuestro emblema, y hagámonos, en todo momento, dignos de él.

# PRIMOKINDAJ OKAZOJ; PRIMOKINDAJ ROLULOJ

Ni ĉiuj ja legis, aŭdis, eĉ rekte spertis kiel ĝenaj, multkostaj, neperfektaj iĝas la tradukservoj. En la grava hispana revuo «MUNDO», numero 1026, sur ties antaŭlasta paĝo, ĵus ni legis ion novan pri tiu afero, kio, certe, interesigos ĉiujn legantojn niajn:

«Estis por ni malfacile --pludiras lordo Alanbrooke-- scii kiu estis nia kunparolanto, ĉu S-ino Ĉiang Kai Ĉek, ĉu ŝia edzo. Ĉiam, kiam ni alparolis la ĉinan supergeneralon, kaj tiu ĉi estis informata, *verŝajne* (1) plenkonscie, far la generalo-interpretisto, kiu tradukis liajn vortojn, Mei Ling partoprenis dirante: «Permesu, sinjoroj, sed mi opinias ke la interpretisto ne ekzakte tradukis tion, kiom la supergeneralo ĵus diris», kaj aŭtentikigis sian meman tradukon. Same, ĉiam kiam Ĉiang Kai Ĉek ion deklaris per la interpretisto, la edzino leviĝis kaj diris al ni per plej pura angla lingvo: «Pardonu, sed mi opinias ke la interpretisto ne esprimis la tutan penson de la supergeneralo, kaj, se vi min permesas, mi ĝin tradukos ekzakte...»

Ni ne komentos, kiel eblos, tiun ĉi novan kaj pitoreskan flankon de la tradukservo.

Nur unu rimarko: same tiel lordo Alanbrooke, kiel supergeneralo Ĉiang Kai Ĉek, perdis sate da tempo dum ilia vivo de internaciaj rilatoj, ĉar multfoje ili pasigis dum tiuj rilatoj duoblan tempon, ol tiu strikte necesa —la tempo uzata por paroli, plus tiu por traduki. El kio oni deduktas ke, same tiel tiuj du sinjoroj, kiel multaj kaj multaj aliaj ne povantaj partopreni internaciajn rilatojn sen interpretisto tretanta iliajn kalkanumojn aŭ sen telefono traduka martelante iliajn orelojn, devus pure kaj simple halti agi stulte kaj mokinde, kaj uzi tiun senutile perditan tempon, por lerni la internacian lingvon. Se ili kapablus eĉ tre malmulte rezoni, ili gajnus tempon, farus utilon al si mem, kaj al ni ĉiuj.

**Antonio ALONSO NUÑEZ**

---

(1) La Kursivigo estas nia. Pripensindaĵo!

---

## JUNULARA RUBRIKO

### NIA RENKONTIĜO EN PONTEVEDRO

Ĉiuj gejunuloj, kiuj ĉeestis nian pasintan 20-an Hispanan Esperantan Kongreson, povis senti la specialan spiritan ĝuon kiu regis en ĝi. La ebleco de baldaŭa kaj nova renkontiĝo dum tiu-ĉi jaro, vekas en ni, kiel revon, la mirindajn tagojn vivitajn.

La kreado de nia Junulara Sekcio estis iomete freŝa, bedaŭrinde, por organizi dum ĝia eta vivado grandan manifestacion, dum la menciita jara kongreso. Kontraŭe, tiu-ĉi jaro ni posedas sufiĉan tempon por aranĝi la programon por ke nia estonta renkontiĝo en Pontevedro plene sukcesu.

El niaj estraranoj estis elektita S-ro Jordi Gumá, str. Olcinellas, 108, 1.ª, Barcelona (14), por ke li organizu nian estontan eventon. Sed sincere nur unu samideano ne povas plenumi tiun-ĉi laboron. Ĉu vere? Pro tio mi petas al ĉiuj delegitoj kaj anoj, kiuj decidis partopreni en la Hispana Esperanta Kongreso en Pontevedro, bonvolu sciigi iliajn proprajn opiniojn, dezirojn kaj problemojn al nia estrarano kaj samtempe indiki al li kiamaniere, ili dezirus ke nia Esperanta Kongreso okazu.

Por faciligi la organizadon sendu anticipe viajn aliĝojn kaj informojn.

Mi fine petas al ĉiuj gejunuloj ke ili studu la eblecon ĉeesti en nia ĉiujara kongreso, ĉar mi estas konvinkita ke ili travivos la plej belajn kaj agrablajn tagojn. Krom tio, ili ankaŭ povos konstati nian grandan idealon kiam ili uzos Esperanton dum la interparolado kun eksterlandanoj. Tiel do, vi pripensu, pripensu...

**SALVADOR ARAGAY**

---

**◆ Aportando nuevos socios se fortalece nuestra Federación y se ayuda a la difusión del Esperanto**

Cuando se anunció, en Málaga, durante la celebración del XX° Congreso, que el siguiente iba a tener lugar en Pontevedra, la aprobación fué unánime, por cuanto, en el ánimo de todos estaba la seguridad de que la región gallega era la más indicada, por todos conceptos, para albergarlo.

Desde que se inició, en 1951, la serie de nuestros congresos, la Federación ha seguido la norma de verificarlos según un orden salteado, buscando la mayor distancia posible del último realizado, con objeto de difundir nuestros postulados idiomáticos por toda España. Por ello, la designación de Pontevedra fué bien acogida, por cuanto la hermosa región gallega no había dado lugar a nuestra manifestación anual de exaltación esperantista, y también porque las características etnológicas y demográficas del país galaico constituyen abonadísimo terreno para sembrar nuestras ideas. Pero, siendo sinceros, hemos de reconocer que, en su mayor parte, el contento de los esperantistas españoles obedeció a la satisfacción que había de darles el conocer el país gallego El encanto de sus rías, de sus islas, de sus playas, de sus prados, y no en menor importancia, de sus recuerdos históricos, de sus viejas iglesias, de sus casas solariegas, de sus típicas rúas enlosadas y lluviosas, constituyen, a no dudarlo, una fuerza atractiva qne, si es grande para los que desconocen el país, es aún mayor para aquellos que ya gustaron del encanto de Galicia.

La interesante preparación del programa del congreso ha hecho aún mayor esta fuerza de atracción, ya que a diario hemos de presenciar manifestaciones folklóricas, que en este país llegan a la sublimación. Cantos y bailes nos han de acompañar, a lo largo del programa, y, al terminar, nos han de seguir, como prenda de recuerdo imperecedero y de futura reiteración. ¡Galicia nunca dice adiós!

Dada la respetable distancia a recorrer, recomendamos a los grupos y asociaciones esperantistas la conveniencia de organizar viajes colectivos, que, por su mayor fuerza turística, pueden interesar a personas simpatizantes con nuestra idea idiomática; su concurso ha de dar más importancia numérica a nuestro congreso, y, a la postre, siempre es una manera de sembrar nuestro ideario. Por otra parte, hemos de procurar recompensar el enorme esfuerzo de las Antoridades y de la Comisión Organizadora, aportando el mayor número posible de congresistas.

La confección del programa asegura una completa y duradera satisfacción. Por otra parte, lo Comisión Organizadora ha cuidado la participación juvenil, tan importante para nuestros congresos. Un campamento acogerá a los muchachos, y una resideneia de la Sección Femenina albergará, en un lugar pintoresco, a las muchachas. Con ello, queda resuelto el problema económico, siempre acuciante, y más aún para los jóvenes.

Podemos asegurar que nunca una excursión congresal podrá ofrecer tantas satisfacciones como la de la Toja. Tanto el encantador camino para llegar allí, como los variadísimos atractivos que se hallan en la maravillosa isla, son suficientes, por sí solos, para hacer emprender el camino desde cualquier punto de España. Y, además: ¡Qué pescado, y qué mariscos! ¡Y qué vinito el de Ribeiro!

Tanto a la ida como a la vuelta del congreso, toda Galicia podrá ser vista y admirada. La hermosa ciudad de La Coruña, la histórica y pintoresca Santiago, la marinera Vigo, docenas de maravillosas rías, verdes prados, como interminables alfombras... Carretas de bueyes, campesinos típicamente vestidos. Y, en todas partes, como música de fondo, los trinos, próximos o lejanos, pero siempre dulces y evocadores, de algún gaitero, desgranando sus notas en las arboledas o los prados, mientras pace tranquilo el ganado, que parece estar en todas partes como para cumplimentar un deber de pintoresquismo local...

Al visitar Galicia, se acaba comprendiendo esa pena que devora a sus hijos, alejados de ella durante años y años. Pero también se acaba comprendiendo el incontenible deseo de volverla a ver, annque no se sea gallego, si se ha tenido la dicha de verla, no solamente con los ojos, sino también con el corazón.

**GIJON.** Universala gazetara ekspozicio. Pasintan decembron, kaj kiel kontribuaĵo al la Zamenhof-jaro, estis aranĝita, en Ateneo el Gijón, Universala Gazetara Ekspozicio, kiu estis treege vizitata kaj havis grandan resonadon, tiel ke pri ĝi okupiĝis tre amplekse la Nacia Radio en kelkaj el siaj elsendoj; ĝi estis patronita de «Hemeroteca Nacional» kaj «Prensa Gráfica» (ĵurnalo ABC, kaj revuo «Blanco y Negro»).

Ĝi ne estis prezentita kiel aranĝo de la Esperanto-Grupo; Esperanto neniel estis menciita, nek vorte nek simbole. Tamen, la sukceso pri propagando de Esperanto estas senduba.

La ekspozicio estis dividita en tri sekcioj, en apartaj salonoj, kiujn oni devis viziti sinsekve, laŭ jena ordo:

Unua salono: Hispanlingva gazetaro el la tuta mondo, konvene klasifita laŭ landoj kaj materialoj. Magnetofono parolis hispane en modera tono pri la Historio de la Gazetaro. La impreso por la vizitintoj estis je «natura afero», normala monda interkompreno. Neniu pensis pri lingva problemo.

Dua salono: Ĝenerala gazetaro, en ĉiuj lingvoj el la terglobo, klasifitaj laŭ idiomoj, kaj el ili, laŭ landoj. Abundo da ĵurnaloj kaj revuoj el la plej variaj kaj kuriozaj, en strangaj alfabetoj. Studita miksaĵo kaj magnetofono en iomete laŭta tono kaj parolante tre rapide, jen unu idiomo, jen alia, senŝanĝe, donis al la vizitintoj sensacion pri vera galimatio, pri konfuzego, pri malkvietiĝo. La bone studita aranĝo de ĉi tiu salono, kontraste al la antaŭa, provokis ideon pri la lingva problemo. Iu vera Babelo.

Tria salono: Esperanto gazetaro, tre abunda kaj varia en intermiksita distribuo. Magnetofono parolante Esperanton en milda tono per virina dolĉa voĉo rezultigis afablan, paceman medion, kiu rememorigis la unuan salonon, tiu hispaneca, kun ĝenerala simpla kaj paca interkompreno.

La propaganda sukceso por Esperanto estis eksterordinara, la loka ĵurnalaro detale okupiĝis pri tiu Universala Gazetara Ekspozicio kaj pri ĝia kaŝita celo: Esperanto, tre vigle elstarigita!

A. W.

*Ni opinias ke Boletin devas reflekti la veran staton de la Hispana Esperanto-movado, tio estas: agado de la Federacio, de la Grupoj kaj de la personoj. Unue, ĉar la agado de unu stimulas tiun de aliaj, ĉiam helpas scii ke aliaj batalas pro la sama idealo. Due, ĉar nia Bulteno, iom post iom, estas pli legata de eksterlandanoj, jen pro rekta abono, jen pro intersanĝo kun HEF-anoj.*

*Aliflanke, la sekretariejo plendas tre ofte, pro manko da sciigoj por informi al tiuj, kiuj skribas al nia oficejo demandante pri iu ajn aspekto de nia movado.*

*Do, estas necese ke ĉiuj, precipe la Grupoj, sciigu al ni pri sia agado: kursoj, prelegoj, gazetaraj artikoloj aperintaj, vizitoj de eksterlandanoj, ekskursoj, k. t. p. por publikigi tion en Boletin kaj por informoj kaj por arĥivo de la sekretariejo.*

*Estas konvena ke ĉiu grupo nomu kapablan personon kiel raportiston de Boletin, kaj ke tiu raportisto nepre sendu al ni ĉiajn sciigojn pri faktoj, rilatantaj nian Esperanto-movadon, okazontaj en lia loĝurbo.*

**Redakcia Komitato**

**MADRID.** — En la domo de S-ro Figuerola, prezidanto de Madrida Esperanto Klubo, okazis kunveno soleninta la Zamenhof-jaron. Ĉeestis preskaŭ ĉiu klubano el M. E. K., kelkaj ne esperantistoj, ĵurnalistoj kaj aliaj.

Kun la ŝatinda afableco de gesinjoroj Figuerola, la festo pasis kun ĝojo kaj amikeco. La madrida esperantistaro estrita de S-ro Figuerola, komencas pritrakti la venontan Universalan Kongreson, dezire okazonta en Madrido, kiel grandega sukceso.

**VALLADOLID.** — Nia samideano M. Cantalapiedra diris al ni letere: «Ni ĉiuj estas kontentaj, ĉar la gazetaro montris intereson al nia agado», kaj, por pruvi tion, li, sendis al ni kelkajn eltondaĵojn el tri ĵurnaloj.

La novaj gelernantoj, aranĝis festenon en kiu partoprenis 33 personoj. Okaze de la lasta kurslekciono, la gelernantoj esprimis sian dankemon al la kursgvidanto,

# KRONIKO

S-ro Cantalapiedra, per arta diplomo, kaj S-ro Cantalapiedra faris prelegon pri Esperanto; poste, gelernintoj deklamis poeziaĵojn el la Fundamenta Krestomatio.

Radio Valladolid ĝentile proponis sian mikrofonon por ke S-ro Cantalapiedra paroladu pri Zamenhof kaj Esperanto.

La letero finas per tiuj vortoj: «Nun ni atendas ke la urbestraro akceptu nian peton por nomigi iun straton laŭ la nomo de D-ro Zamenhof, aŭ Esperanto».

**BARCELONA.**—La XXVIIIa Internacia kaj Oficiala Specimena Foiro de Barcelona, unu el la plej gravaj, ĵus eldonis sian oficialan afiŝon en Esperanto, en la formatoj 100 x 70 cmt., kaj 30 x 20 cmt. kun belega desegnaĵo en 6 koloroj.

Por subteni la agadon de la barcelonaj esperantistoj bonvolu skribi amase kaj se eble sur papero de komercaj aŭ industriaj firmoj al:

**XXVIII Feria Oficial e Internacional de Muestras.**
**Negociado de Publicidad.**
**Paseo de María Cristina**
**BARCELONA - 4**

Estus utile diri en la petoj, kie oni lokigos tiujn afiŝojn por la propagando de la foiro. Hispanoj bonvolu ne peti ĉi-tiun eldonaĵon. Represo petata.

**AVILÉS.**—Laŭ letero ricevita el tiu industria urbo estis arangîta Esperanto-kurso en «Educación y Descanso» el tiu urbo kie ĝis nun, laŭ nia scio, ne ekzistis samideanoj.

Kun tiu letero ni ricevis grandan afiŝon presitan por anonci la kurson.

---

Nia amiko Ramón Molera, kies aktiveco en la Esperanto-movado estas sufiĉe konata de ĉiuj, kiel gvidanto de niaj Korespondaj Esperanto-Kursoj kaj ĉef-delegito de UEA en nia lando, sciigis al ni ke Hispanujo gajnis la INTERNACIAN KONKURSON de UEA por la jaro 1959a.

Ni sincere gratulas al amiko Molera kiel ĉef-aŭtoro kaj al la tuta hispana samideanaro pro lia helpo kiu permesis atingi tiun ĝojigan sukceson.

---

## SOLECO

*«Profundan sulkon fosis...» En morna, neĝblanka tago, nigra kronrubando disdiris per tiu ĉi verso la tristan sciigon tra la industria urbo Sabadell. Forpasas la amiko, la samideano. Domingo Vallés mortis! Post la ĉerko, kovrita per la verda standardo, la amikoj, silente, funebre, karavanas. La rubanda dediĉo estas simpla: Li faris sian sulkon. Ni diru, aldone, ke li estis bonkorulo, kiu ellernis kaj diskonigis Esperanton, ĉar li amis ĝin ofereme, kiel li amis ĉiun noblan idealon. Forrabis lin, kruela, Atropo, la naŭan de januaro, en la pleno de lia vivo, kaj ni restis solaj, froste solaj. Ni, ĉagrene, kondolencas liajn vidvinon kaj filojn.*

**L. MIMÓ**

## EKZAMENOJ

Jen la nomoj de tiuj samideanoj sukcesintaj en la ekzamenoj okazintaj dum la lasta Kongreso en Malaga, laŭ informo de la Profesoro S-ro Jaime Aragay.

**ESPERANTO - KAPABLECO**

S-ro Leonardo Colás Pérez, el Badalona (Barcelono).
S-ro Rafael Herrero García, el Valencio.
S-ro José Ticó Solé, el Barcelono.
S-ro Salvador Aragay Galbany, el Barcelono.
S-ro F. Aliaga Rocafull, el Valencio.
S-ro Ricardo Senís Ferrer, el Valencio.
S-ro Franc.° Abella Coll, el Barcelono.

**ESPERANTO - INSTRUISTO**

S-ro Juan Pelletier, el Saint Jean de Luz (Francujo).

Tiuj, kiuj deziras havi la diplomon bonvolu skribi al la Federacio aldonante 20 pesetojn.

---

## Afero diskoniginda

Kelkaj samideanoj, en Jaén, tre lerte kaj trafe laboras: ili tradukas el «Esperanto, Revuo Internacia», ĉiujn interesajn artikolojn, tie publikigitaj okaze de la Zamenhof-Jaro, per simpla skribmaŝino, kaj ilin disdonas en rondojn iom dubemaj pri la kulturaj kvalitoj de Esperanto. Imitinda ekzemplo!!!




**GASTRONOMIA TERMINARO ESPERANTA** kun tradukoj angla, ĉeĥa kaj franca, de Erhard Urban, eldono de U. E. A.

Apero de faka terminaro ĉiam estas rimarkinda kaj ŝatinda okazintaĵo, ĉar ĝi enhavas multenombrajn vortojn, ne entenataj, kompreneble, en la komunaj vortaroj. kiuj riĉigas la vorttrezorojn de la uzontoj,

Pro tio, la ampleksa kompilo de nia ĉeha samideano estas ege laŭdinda. Ĝi do plenigas malplenon, konstatitan ĉiumomente de ĉiuj, kiuj traveturis Esperantujon; sekve, la kuraĝa aŭtoro meritas gratulojn de la tutmonta esperantistaro.

Tamen, mi opinias, ke la graveco kaj amplekso de la Terminaro neprigas detalan revizion, por probablaj korektoj, antaŭ ol lanĉi ĝin. Mi bedaŭras, ke la malvasta spaco, destinita por ĉi tiu recenzo, ne ebligas detalan kritikon. Tial, krom ĝenerala aprobo, mi volas nur atentigi pri la fakto, ke la aŭtoro kreis kaj enmetis terminojn sen la koncernaj klarigoj, kio certe okazigos konfuzojn. Cetere, li ne ĉiam pravas en kelkaj faritaj klarigoj.

Malgraŭ, ke mi ne scipovas la francan lingvon kaj, sekve, mi devis uzi ĉiumomente la vortaron, por plenumi la taskon; ŝajne, la traduko de multaj terminoj, el franca vidpunkto, ne estas la plej trafa.

Resume: Jen impona verko, tro ampleksa, eĉ kun superflua balasto --respektoplene mi skribas ĉi tion!-- pro manko de fajniga laboro de fakuloj. Sed, per tiu ĉenero pliriciĝos la jam longa ĉeno de fakaj terminaroj, kvankam ĝia enhavo estas ne tute konvinka por mi persone.

**ERNESTO TUDELA**

---

**PULĈINELO.** Konstrua vortludo por 2-6 personoj. — Eldonita de Esperanto Press, Oakville, Ontario, Kanado. Prezio: 31 pesetoj.

La indikita ludilo estas tre interesa kaj instrua amuzo. 2-6 personoj povas partopreni en la ludo, kiu konsistas el grandaj literoj esperantistaj, vortradikoj, prefiksoj kaj sufiksoj kaj gramatikaj finaĵoj. Oni povas konstrui interkrucajn vortojn kaj frazojn. Oni lernas ludante.

**VINCENTO MARTI**

**DE PARIZO AL LAZURA MARBORDO.** 32 paĝoj. Prezo: ne menciita.

M. Rétot verkis tiun broŝuron, en la serio «Turismo por Esperanto en Francolando». Ĝi estas trafa gvidilo, plena je indikoj, bildoj, desegnaĵoj, k. t. p., kiuj bone povas faciligi la veturadon tra la belaj vojoj kiuj kondukas de Parizo al la bela Provenca regiono kaj Lazura Marbordo.

**ESSENTIAL ESPERANTO.** — La mondkonata eksprezidanto de la Brita Esperanto-Asocio, malnova gvidanto de multaj kursoj kaj kompetenta lingvisto, W. A. GETHING, prezentas tiun belan lernolibron, en angla lingvo, por bone faciligi, al angloparolantoj, la lernadon de Esperanto. La tuta verketo estas sukcesiga perilo, kaj, tiuj kiuj ne estas angloj, sed povas kompreneti la lingvon de Shakespeare, povas eltiri duoblan profiton per studado de tiu trafa verketo, ĉar ili povas tre kontentige lerni Esperanton, kaj, samtempe, refreŝigi siajn forgeseblajn anglaĵojn. Kompreneblaj reguloj, abundaj ekzemploj, trafaj ekzercoj kaj, fine, duobla vortareto konsistigas la 128 paĝojn verkitajn de Gething por la serio «The Foulsham pocket Dictionaries». Bele presita, alloge bindita. 8 ŝ., 6 d.

**Bab ILEMA**

---

**NI EN SKANDINAVIO,** de Willy Breinholst. Esperantigis: F. Szilágyi kaj Regina Emson. Eldonis: Norda Prismo, Stokholm, 1955. 20 paĝoj. Ilustraĵoj de Léon Van Roy.

Amuza priskribo pri la tri skandinavaj landoj. Ek'de la komenco ni trovas spriton neoftan, bedaŭrinde, en esperantaj libroj. Tiel la enhavo, kiel la desegnaĵoj, forgesigas, dum la legado, priokupojn; kaj multfoje rido ornamas la vizaĝon de leganto. La nomo de la tradukinto diras pli ol mi povas diri pri la stilo de lia ĉizita lingvo.

**ANGEL PÉREZ**

---

**Atentu:** En recenzo aperinta en Novembra-decembra numero de BOLETIN pri libro «Faktoj pri Germanio», erare estis menciita la adreso de la eldonejo anstataŭ tiu de Germana Esperanto Asocio: Koln —Dellbrück, Bergisch—Gladbacher Strase 1095 (Alemania) kiu vere estas tiu kiu, laŭ ĝi anoncis, liveros la libron senpage kontraŭ respondkupono por afranko. Ni petas pardonon al niaj legantoj pro tiu ĝena eraro.

## ETA OMAĜO

*En nia antaŭa numero, ni publikigis nekrologian noton pri la forpaso de samideano Karl Vanselow, la «verda trobadoro»; nun ni publikigas, omaĝe al lia memoro, ĉi tiun poemon, kiun li dediĉis al nia lando. Ĝi estas plaĉa por ni kiel hispanoj, kaj kiel esperantistoj, ĉar estas specimeno de interpopola amo.*

### BELA LANDO HISPANIO

Bela lando Hispanio
Fora ĉe la Ebro-bord;
Patrolando, super ĉio
Vin mi amos ĝis la mort'.

—

Dum la muĝo de la maro
Sub ĉiel' el brila or'
Ombras la Kaŝtan-arbaro
Lumas la migdala flor'.

Longe jam de dom' al domo
Kun sopir dolor' sen lim'
Mi migradas fremda homo
Tra nebula malproksim'.

—

Ĉie sonas kaj por ĉiu
Mia kanta melodi'
Sed neniu kor', neniu
Min komprenas tie ĉi.

Jam de longe ne plu konas
Ridon mia rememor',
En animo mia sonas
Nur la plendo, nur la plor'.

—

Nur la unu melodio
Pri la senkonsola sort',
Vin, patrujo Hispanio,
Sopiregi ĝis la mort'.

KARL VANSELOW

Nia Fako de Esperantistaj Fervojistoj, Hispana Esperanto - Fervojista Asocio (I. F. E. F. - sekcio), kvankam malmulte konata de nia samideanaro, anoncis al ni siajn komencitajn laborojn por la aranĝado de la 13ª Internacia Kongreso de Esperantistaj Fervojistoj, kiun ili esperas okazigi en Barcelono venontan jaron.

Interesuloj pri tiu HEF-fako aŭ pri la Kongreso bonvolu skribi al

**S-ro R. Giménez Feliu,** Sekretario de H. E. F. A.
Str. Julián Romea, 9, 3.° - BARCELONA (6)

## La vivinstinkto kaj la vulpo

Iun belan aŭtunan matenon de pura aero, blua ĉielo, brila, karesanta kaj agrabla suno, kiam la somero ion post iom ekmalaperas kaj la sezono invitas paŝadi tra montoj kaj kampoj, multe pli kiam al ĝojo de malmultaj tagoj de natura vivado, akompanis sana, vira ekcerzado, nune sporto, de la ĉasado, post kelkaj horoj ni estis antaŭ du ampleksaj kampoj disigitaj per vivanta arbara barilo kaj superverŝita per rivereto de freŝa, kristala kaj pura akvo.

En la silentaj kaj trankvilaj kampoj, paŝtadis sennombra ŝafaro, kies silento nur estis interrompata de la tintiloj de kelkaj ŝafoj, kies eĥo perdiĝis je la senfino.

Subite, granda bruado, la timema ŝafaro en freneza kurado disiĝis ĉiudirekten, la hundaro bojadis furioze, kvazaŭ fulmo vulpo trairadis la paŝtkampon. Tuj kiam la vulpo estis malaperinta tra la arbara barilo, la hundoj invadis la kampon flarante la postsignojn inter la herbaro.

Denove mi intencis vidi la vulpon, kaj mi restis mirigata kiam mi ĝin vidis sur dorso de ŝafo kiu pli ol kuri, flugis, tia estis ĝia teruro. La vulpo malaperis tra densega arbaro. Dank' al tiu ruzeco ĝin savis, ĉar la furioza hundaro perdis la postsignon.

FRANCISCO PIÑOL

### TRI AŬTUNOJ

Vespero, aŭtuno, maljuno,
Tri aŭtunoj.
Vespero: Vundiĝas ĉielo,
helruĝa, flavduba, viola.
Nur stelo vidigas la helon;
Ĝi brilas tutsola.

Aŭtuno: Vundiĝas arbaro,
foliojn kirligas la vento petola,
nudigas la branĉojn kolera, sen baro.
Nur verdas abio tutsola.

Maljuno: Vundiĝas la koro,
kaduko, malforto, angioj malmolaj,
sentaŭga la vivo, senfina la horo
por homoj tutsolaj.

Amalia NÚÑEZ DUBÚS

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta korektan solvon de enigmo, gajnos poenton. Gajnintoj de 5 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 25-a de Aprilo.***

ENIGMO N.° 1

Krucvorta enigmo de J. Devis

Malsupra figuro



*Horizontale:* 2 Granda, ŝlosebla kesto por enteni vestojn, k. t. p. 3 Prep. montranta la motivon de ago. (Rad) Ŝnureto por ligi. 4 Ricevinta akran malagrablan odoron k guston pro komenco de malkomponiĝo. 5 Kudrornami teksaĵojn per reliefaj desegnaĵojn. (Rad) Flava malsano. 6 Malsano karakterizata per sensinkopa sed rapida malpliiĝo de forto aŭ funkcioj. 7 Bleku hunde. Pistita greno. 8 Danĝera rabobesto el g. de katoj. 9 (Inv) Fari maŝteksaĵojn. Transversa ŝtono kuŝanta malsupre de la aperturo de pordo. 10 Ĝeneralaj vivmanieroj k kutimaj kondutoj. 11 En tiu loko. (Rad) Regula aranĝo de aferoj. 12 Verdaj izolaj lokoj, meze de la dezerto.

*Vertikale:* 2 Trempi ion en bolantan akvon. 3 Prep. montranta instrumenton por plenumi agon. (Rad) Hejma musĉasanta mamulo. 4 Preni en posedon iun lokon. 5 Fadeno uzata por iuj muzikaj instrumentoj. Militistaro. 6 Arbo devena el Ekstremoriento, g. de simarubacoj. 7 (Rad) Kombiniĝemo. Bonodora floro. 8 Piramidforma arbo. 9 (Inv) Muzika amplekso de iu voĉo. Riveretoj. 10 Ceremoniaj viraj vestoj de la antikvaj Romanoj. 11 En ĉiu loko. (Rad) Amuzo. 12 Restaĵo el renversita Konstruo.

Solvo pri la geometria problemo en la pasinta numero.



Sendis korektajn solvojn: Adonis González, Juan Sánchez, Ramón Bastardas, Vicente Santamaría kaj Augusto Ugalde.




—Kaj ankaŭ mi prenas la horloĝon. Ĉu vi deziras kontraŭdiri?

—Jes... sinjoro... ke ĝi... malfruas... tridek minutojn...

ANONCETOJ

**45-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.** 30 Julio-6 Aŭgusto 1960. Sub la Alta Protektado de L. M. Baŭduino, Reĝo de la Belgoj. Adreso: 45-a Universala Kongreso de Esperanto - B R U S E L O.

Telegramoj: Esperanto Bruselo.

Banko: Banko de Bruselo, en Bruselo.

Poŝtĝirkonto: Universala Kongreso de Esperanto n-ro 1776-71, Bruselo.

RENFE (Hispanaj Fervojoj) konsentis pri rabato por la kongresanoj.

---

Antaŭ Kongresa Renkontiĝo en Arhem (Nederlando) 27-30 Julio.

Informoj: Sekretario S-ro H. Groendijk, Pontanuslaan, 7. — Arhem (Nederlando).

---

T. E. J. O. — 16-a Internacia Junulara Kongreso okazos en Rotterdam (Nederlando) de la 23-a ĝis la 30-a de Julio.

Loka Kongresa Komitato:
Eendrachtsweg 7-Rotterdam (Nederlando)

---

Internacia Asocio de Teatraj kaj Filmaj Artistoj (I. A. T. F. A.) Fondita dum la pasinta Universala Kongreso en Varsovio. Aniĝojn a ceptas sekretario, S-ro Lech Piotrowski, Bialystok, Teatr. im. Wegierki

---

## GRAVEGA SCIIGO

Lasthore, UEA informis nin ke UNESCO oficialigis la celebradon de la 100-jara datreveno de la naskiĝo de Zamenhof. Tio signifas la plej elstaran rekonon iam ajn esprimitan al D-ro Zamenhof pro la genia verko, kiun li donis al la homaro, kaj pro la noblaj ideoj de humanismo kiujn li ligis al ĝi.

---

Czesiaw Janiszewski. Inowrociav. m. Z. M. P. 23 (Pollando) deziras korespondanton en Hispanujo.

---

Juna esperantisto deziras korespondi per i. p., p. k. kun ĉiuj landoj. Pedro Tortajada Navarro. Pl. Roncesvalles, 2, p. 13. Valencia (Hispanujo).

---

**NOVA ADRESO DE NIA KONGRESO EN PONTEVEDRA:**

**SECCION ESPERANTO DE EDUCACION Y DESCANSO. PONTEVEDRA**

## TESORERIA

En el sorteo del 25-2-59 salió premiado el 51.710, por lo que el premio correspondió a J. K., de Moyá. En enero no se asignó por no existir poseedor del n.° premiado.

---

Esperantista Fremdultrafika servo:

1.—Rezervas Hotelĉambrojn por individuoj kaj karavanoj.
(Ankaŭ modesta tranokto)
2.—Prizorgas gvidadon kaj informojn.
3.—Sendas turistajn prospektojn.
4.— Serĉas kunlaborantojn kontribuitajn.

Direkcio: R. Loeckx, Konijnenperken, 109, Bruselo 17 (Belgujo).

F. D, de U. E. A. Telefono Bruselo 72 32 22

(I Rpk. m. p. per korespondaĵo)

---

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos recibidos desde el 1 de Enero al 20 de Febrero de 1960)

| | | |
|---|---|---|
| V. Perles - Miraflor | 50 | Ptas. |
| J. Rodríguez - Madrid | 25 | » |
| C. Soler - Valencia | 25 | » |
| T. Elizondo - Cheste | 25 | » |
| J. Hernández - Sabadell | 82 | » |
| J. Lerroux - Barcelona | 15 | » |
| J. Cardenal - Tarrasa | 15 | » |
| F. Santacruz - Barcelona | 15 | » |
| J. Juan - Valencia | 5 | » |
| P. Alsina - Barcelona | 5 | » |
| M. Cantalapiedra - Valladolid | 15 | » |
| J. Perarnau - Tarrasa | 50 | » |
| V. Alavedra - Tarrasa | 40 | » |
| A. Costa - San Mateo | 10 | » |
| J. Salvá - Caldas de Estrach | 15 | » |
| J. Devís - Valencia | 15 | » |
| A. Bohigas - Barcelona | 40 | » |
| S. Ortega - Mahón | 15 | » |
| R. Cortijo - Lérida | 65 | » |
| P. García - Badalona | 40 | » |
| N. Ullar - San Feliu de Codinas. | 80 | » |
| R. de Luna - Barcelona | 15 | » |
| M. Tarragó - Almatret | 20 | » |
| F. de la Torre - Baena | 40 | » |
| J. Perogordo - Madrid | 100 | » |
| E. Pons - Barcelona | 25 | » |
| F. Díez - Constantina | 50 | » |
| J. Gascón - Valencia | 15 | » |
| M. Alamo - Valverde Hierro | 25 | » |
| A. Alonso - Pontevedra | 54 | » |
| A. García - Bilbao | 15 | » |
| A. Sánchez - Madrid | 25 | » |
| J. Bremón - Barcelona | 100 | » |
| J. Anguita - Jaén | 10 | « |
| Suman | 1.141 | » |





PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 20 - VALENCIA
Depósito Legal V. 309-1959